


# INTERNACIA FERVOJISTO

*"La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn"*

## 2003. 4.




*LE TRAIN "CAPITALe" en Parizo*




Dum unu monato, sur avenuo "Champs Élysées" en Parizo, okazis la fervoja ekspozicio. Vidu en paĝo 63.
*(fotis Rose Sanz)*

**Enhavo**

Dresdeno 51

Salutvortoj de la UEA-prezidanto 55

Salutvortoj de la IFEF-prezidanto 56

Resuma jarraporto de la Landaj asocioj de IFEF pri la jaro 2002 58

Bonvenon en la fervoja stacio "Champs Élysées" en Parizo 63

Edzeco de Rolf Terjung kaj de Elena Mateeva 64

# Ni kongresis en Saksio

Dum unu semajno la urbo Dresdeno en Germanio akceptis 254 kongresanojn el 19 landoj.

Tiu bela urbo starigita ĉe la rivero Elbe, estis grave bombita en la jaro 1945. Pluraj dek miloj da enloĝantoj mortis tiukaŭze. Kiel la Fenikso, fama birdo, Dresdeno nun renaskiĝas el siaj cindroj. Multaj ruinaĵoj estas jam rekonstruitaj.

**Solena Inaŭguro de la 55-a IFK**

Ĝi okazis la 11-an de majo 2003 je la 10-a horo. Rolf Terjung, la prezidanto de LKK, substrekis la signifon de la Fondaĵo BSW por la fervojaj kulturgrupoj kaj menciis la streĉan laboron de LKK post la granda inundo.

La Ĝenerala Prezidanto de FISAIC Gilbert Schmit parolis pri la neceso de komuna lingvo por interkompreniĝo de popoloj, kies neceson montris militoj kaj inundoj.



La oficialuloj dum la inaŭguro (fotis Stano Marĉek)

D-ro Werner Bormann transdonis salutojn de GEA. La redaktoro de la Kongresa Kuriero Stano Marĉek voĉlegis mesaĝon de la prezidanto de UEA, Renato Corsetti. Salutis reprezentantoj de la landaj asocioj de IFEF kaj Romano Bolognesi malfermis la kongreson.

En tiu inaŭguro estis honorigitaj:

- S-ro Ladislav Fiala (CZ) (postmorte) per *Diplomo pro eksterordinaraj meritoj subtene al IFEF*
- S-ro Inĝ Vojtěch Zelenka (CZ) kiel membro de *Honora Patrona Komitato.*

**La ĉefa prelego** okazis lunde posttagmeze. Ĝia temo estis *"Teknikaj evoluoj por la estonto de la eŭropa fervojtrafiko"*.

La prelego, kiun kompilis kaj prezentis Bodo Ehrlich el Bremen, prilumis ŝanĝojn de la Eŭropa surrela trafiko, kiujn en 2001 iniciatis la Eŭropa komisiono kaj kies celo estas transigi pli da trafiko de ŝoseoj al relvojoj.

**Resumoj de prelegetoj prezentitaj dum la 55-a IFK. (Ladislav Kovář)**

*D. Hartig: Trajnveturado en la jaro 2100.*

La prelegeto prezentas per amuza formo estontecon de pasaĝertrafiko inter Eŭropo kaj Ameriko efektivigata per moderna superrapida trajno kun rapideco de 3 700 km/h. Aŭskultantoj estas informitaj pri impresoj de ŝajnaj vojaĝantoj dum mallonga veturo de Eŭropo al Novjorko. La trafikilo mem estas trajno moviĝanta

en tubo pere de superkonduktivaj magnetoj sen reloj kaj radoj.

*D. Theodorescu: La danubaj pontoj en Rumanio.*

Rivero Danubo havas gravan signifon por ekonomio de Rumanio. Samtempe ĝi estas natura barilo inter ĉebordaj regionoj. Jam dekomence de historiaj tempo okazis klopodoj konstrui firmajn pontojn kunligatajn ambaŭ bordojn. Ankaŭ nuntempe ili havas gravan rolon en la trafiksistemo de Rumanio. Ili devas plenumi pretendemajn postulojn de kreskanta trafiko inter diversaj partoj de Rumanio (kaj Eŭropo) kaj Nigramaraj havenoj.

*L. Kovář: Inundo 2002 kaj trafiko.*

Fortaj pluvegoj, kiuj falis en baseno de rivero Vltava kaj Ohře dum monato aŭgusto 2002 kaŭzis gravajn damaĝojn en trafika sistemo de Ĉeĥa respubliko. Sekvanta inundo havis grandan influon ankaŭ je publika transporto en ĉefurbo Praha. La plej damaĝita estis sistemo de metroo en la ĉefurbo mem. Grandaj partoj de tri ekzistantaj linioj estis sub akvo kune kun stacioj kaj eĉ trajnoj. Entuta monsumo de inundaj damaĝoj en praga metroo estas ĉirkaŭ 230 milionoj da eŭroj.

*G. Sredič: Ĉu ni vere bezonas ŝvebantan relvojon?*

La aŭtoro komparas grandajn invest-kostojn de la plej moderna trafikrimedo kun kostoj de aliaj tipoj de trafiko. Ŝajnas, ke tiuj kostoj ne havas respondan efikon en avantaĝoj de la transporto mem. Eĉ la energikonsumado de la sistemo mem estas tro alta.

*H.Olsen: Skizo pri similecoj ka diferencoj inter la nordiaj fervojoj.*

En la prelegeto estas prezentitaj gravaj diferencoj inter nordiaj fervojoj – dana, sveda kaj norvega. Tiuj diferencoj temas ne nur ekeston de la fervojoj mem, sed ankaŭ diversajn signaladsistemoj.

*R. Giuhati: Rumanio preparas fervojan transporton por integriĝo en la gravaj koridoroj de la Eŭropa grandrapideca fervojreto.*

Rumanaj fervojoj prepariĝas por integriĝo kun aliaj eŭropaj fervojlinioj. Tiuj ĉi preparoj temas ne nur trakkonstruadon , sed ankaŭ modernigon de sekurecinstalaĵoj, telekomunikado, katenario, nivelaj trakpasejoj ktp. Celo de la modernigo estas atingi rapidecon de 160 km/h sur ĉefaj linioj kun antaŭvido de 200 km/h.

*J. Tomíšek: Tunelo de la Imperiestro*

Dum konstruado de t.n. Norda Ferdinada fervojo estis apud vilaĝo Slavíč proksime de urbo Olomouc realigita artefarita tunelo. Plej frue estis fosita tranĉeo, poste metitaj reloj kaj fine ĉio kovrita per betono kaj tero. La tunelo estis uzata dum 30 jaroj, poste servis kiel kelo por terkulturaj produktoj.

**Neforgesebla Esperanta kantvespero.**

Lunde vespere okazis "neforgesebla arta kantvespero", dum kiu, prezentis famajn kantojn el operoj kaj operetoj en Esperanto famaj ĉeĥaj kaj germanaj artistoj. Dum la arta kantvespero kvar kantistoj (du viroj kaj du virinoj) prezentis 15 famajn kantojn, majstre tradukitajn de Joachim Giessner,

**Publika plenkunsido de la Komitato.**

Marde, je la 9-a horo, la prezidanto Romano Bolognesi, bondezirante al la ĉeestantoj, malfermis la publikan plenkunsidon de la Komitato. La sekretariino Marica Brletić, informis pri la ricevitaj salutleteroj. Poste, estis voĉlegitaj la nomoj de niaj mortintoj kaj minuta silento honorigis ilian memoron.

Sekvis estraranaj raportoj: sinsekve

raportis la sekretariino, redaktoro kaj kasisto. Post pridiskuto kaj klarigoj, la raportoj estis akceptitaj de la 19 partoprenintaj komitatanoj. Unuanime akceptita estis ankaŭ la protokolo de la lasta IFK en Plovdiv.

La ĉefkomitatano Jindřich Tomíšek raportis pri sia agado kaj kontaktoj kun la estraro kaj la komitatanoj dum la interkongresa periodo.

En 2003 finiĝas lia trijara elektoperiodo kaj tiu de lia anstataŭanto. Ĉar venis neniu kandidatpropono, Jindřich Tomíšek rekandidatiĝis kaj estis reelektita. La anstataŭantino Magdaléna Feificová ne deziris rekandidatiĝi pro personaj kialoj. La prezidanto varme dankis ŝin kaj kiel nova anstataŭanto estis elektita d-ino Rodica Todor el Rumanio.


Rodica Todor

Gvidanto de la Faka Komisiono Jan Niemann prezentis raporton pri la agado de la Fake Aplika Sekcio, kaj d-ro Heinz Hoffmann pri la agado de la Terminara Sekcio. Komitatano pri Skisemajnoj Hubert Peyrouty raportis pri la 44-a Skisemajno 2003 en Kunčice pod Ondřejníkem kaj dankis la organizantojn.

Pro la fakto, ke la komisiito pri Fervoja Koresponda Servo rezignis pri sia partopreno, s-ro Dan-Dragas Aldea el Rumanio transprenas la taskon.

István Gulyás kiel komitatano A de UEA por IFEF informis pri la intenco de la brazilaj fervojistaj esperantistoj aliĝi al IFEF kiel landa asocio aŭ kiel individuaj membroj. Sekvis resumo de la jarraportoj 2002 el la landaj asocioj, kaj analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj, estis pritraktita la buĝeto 2004 kaj konfirmita la kotizo por la jaro 2004 - ĝi restas je la sama nivelo (7 eŭroj). La estraranoj deziras pligrandigi la kunlaboron kun UEA.

Oni konfirmis inviton al la 56-a IFK en Hungario en la urbo Sopron. Por IFK 2005 estis akceptita invito de Rumanio kaj por 2006 proponis sin Ĉinio.

La venonta 45-a Internacia Fervojista Esperanta Skisemajno okazos en Francio.

**Nacia vespero kun kantoj kaj dancoj.**

La marda nacia vespero apartenis al folkloro: prezentis sin du grupoj: la soraba vilaĝa ensemblo *Höflein* kaj la ercmontara grupo *Bimmel-bahn* .

La malgranda slava popolo Soraboj formas memstaran etnan komunumon izolitan ene de Germanio. Ĝi klopodas konservi siajn riĉajn popolajn tradiciojn, kantojn, dancojn, sed ankaŭ kutimojn kaj riĉe broditajn popolkostumojn.

La vilaĝa ensemblo *Höflein* prezentis dum la nacia vespero kantojn kaj dancojn el la soraba regiono ĉirkaŭ Crostwitz. Vivaj polkoj, valsoj kaj mazurkoj kaptis la simpatiojn de la publiko, kio montriĝis per laŭtaj aplaŭdoj.

La ercmontara kantgrupo *Bimmelbahn* prezentis dum la vespera programo aŭtentikan multvoĉan popolan muzikon en la dialekto de Ercmontaro, en akompano de akordiono, citro kaj gitaro, kun specimenoj en Esperanto.

**Ekskursoj dum la 55-a IFK.**

Ankaŭ ĉi-jare la LKK preparis por la kongresanoj tre riĉan turisman programon. Okazis tri tuttagaj kaj tri duontagaj ekskursoj.

**T1**

La tuttaga ekskurso T1 kondukis la ekskursantojn unue aŭtobuse al la antaŭurbo Pillnitz, malnova kvartalo kun fabelaj parkoj kaj historiaj vilaoj, kie loĝis multaj elstaraj artistoj kaj entreprenistoj, kaj al la palaco Pillnitz, la iama somera rezidejo de saksaj reĝoj. Post promenado en pitoreska palaca parko la ekskurso daŭris al sablo-ŝtona montaro Saksa Svisio, kie troviĝas belegaj bizarformaj rokegoj. Dum la preskaŭ trihora ŝipvojaĝo reen sur Elbo la ekskursantoj vespermanĝis kaj babilis en subferdeka ŝipa restoracio.

**T2**

Post trajnveturo al Pirna ni promenis al la bordo de Elbo, kie atendis nin vaporŝipo Meissen, konstruita en 1885. Dum la 45-minuta veturado al la urbo Wehlen estis faritaj multaj fotoj –`la bela montara pejzaĝo instigis al tio.

Dum la 4-a UK en 1908 L.L. Zamenhof dum ekskurso faris paroladon en Wehlen, kaj ni anime kliniĝis antaŭ la memortabulo, antaŭ ol ni iris denove al la riverbordo kaj per eta pramo al la alia flanko. De tie ni marŝis/grimpis al *Rauhenstein*, kie ni lunĉpaŭzis kaj ĝuis la elrigardon al *Bastei*, kie tagmanĝis la T1-anoj. Poste ni iris malsupren al la kuracloko *Kurort Rathen*, kie finiĝis la komuna ekskurso.

**D1**

La dimanĉa ekskurso D1 estis rondirado tra la urbo Dresdeno, gvidata de Esperanto-ĉiĉerono. Promenante, oni povis admiri kaj foti elstarajn vidindaĵojn, ekzemple la terason de Brühl, Virinpreĝejon kaj Teatran Placon.

**D2**

Marde posttagmeze plenigis modernan


Cigaredfabriko en Dresdeno

tramon gajaj kongresanoj. Ni traveturis la urbon, plurfoje transiris la riveron kaj vidis multon: La Teknikan Universitaton (fakte ĝi estas sufiĉe granda urboparto), la ĉefstacidomon, la stacidomon Neustadt, multajn turojn kaj signifajn kaj belajn konstruaĵojn...Ni admiris interalie la moskesimilan iaman cigaredfabrikon.

Dankegon al la organizantoj

Teksto plejparte eltirata de la kongresaj kurieroj
*(kun dankoj al Stano Marĉek la redaktoro)*

ଔଔଔଔଔଔଔଔଔଔଔଔଔ

***Nacia kongreso 2004 de la francaj fervojistoj.***
Ĝi okazos en la duoninsulo de Quiberon (Bretonio)de la 26/03 ĝis la 03/04/2004.
Por interesuloj; bonvolu sin turni al la redaktoro.

# Salutvortoj de la UEA-Prezidanto

**Karaj esperantistoj kaj partoprenantoj de la ĉi-jara IFEF-kongreso,**

*Mi bedaŭras, ke en mia tuta vivo mi nur partoprenis unu aŭ eble du kongresojn viajn. Mi ne scias, kial, sed ĉi tiu periodo de la jaro ne estas aparte facila kaj certe malebligas vojaĝojn.*

*Pro tio viaj klopodoj por esti ĉi tie hodiaŭ estas ankoraŭ pli laŭdindaj.*



*Mi bedaŭras pro mia ne-partopreno, ĉar fervojistoj esperantistaj apartenas al unu el la plej fortaj fakaj grupoj de esperantistoj, kaj ili certe meritus pli da rekono por sia laboro.*

*Vi konas pli bone ol mi la historion de via asocio, kaj vi scias, ke ĝi estas forta ankaŭ ĉar en la komenco de la pasinta jarcento esti fervojisto estis io tre moderna, tre avangarda, tre progresema, kaj sekve fervojistoj havis ĉiujn kvalitojn por iĝi esperantistoj, kaj ili efektive iĝis tiaj. La historio de fervojoj kaj de Esperanto vidis multajn eventojn dum la lastaj cent jaroj kaj nun la pejzaĝo estas iom malsama.*

*Kvankam kaj fervojoj kaj Esperanto restas esenca ilo je la servo de la homaro, kaj ĉefe de tiu parto de la homaro, kiu ne havas rimedojn por aĉeti propran aviadilon aŭ por studi eksterlande, disvastiĝas multaj ideoj, kiuj neas la eblan rolon de publikaj fervojoj kaj de Esperanto. Kion ni faru? Simple, ni batalu por reaserti nian rolon.*

*Kiel esperantistoj, ni daŭre batalu por certigi, ke ĉiuj homoj, ne nur la apartenantoj al gvidaj popoloj, havas ĉiujn siajn esprim-rajtojn, parol-rajtojn. Mi sincere opinias, ke nia laboro estas por mondo, en kiu ĉiu rajtas paroli kaj ĉiu devas aŭskulti ĉiujn ceterajn, ne por mondo en kiu malmultaj parolas kaj ĉiuj aŭskultas nur ilin.*

*Kiel membroj de Esperanto-organizaĵoj ni provu adapti niajn organizaĵojn al la nuntempa mondo. En via kazo, mi kredas, ke jam venis la tempo fari esencan ŝanĝon kaj vastigi vian kampon al esperantistoj, kiuj laboras en la kampo de aviado kaj ĝenerale de transportado. La iama rolo de fervojo nun apartenas ankaŭ, ekzemple, al aviado, kaj la historio tre rigore taksos nin, se ni lasos tiun kampon sen esperantista agado. Ne diru: "la angla jam venkis,ĉefe en aviado! Ni ne estu stultaj kaj ni okupiĝu pri nia malgranda ĝardeno!"*

*Efektive la angla venkis, sed ĝi ne estas amata kaj ĝi estas preta lasi sian lokon al la posta grandpotenca lingvo en la koroj de tiu parto de la publiko, kiu nepre volas identiĝi kun la potenculoj de la momento. Sekve estas eble fari ion ankaŭ por nia justa solvo, por Esperanto, ankaŭ en kampoj, kiel aviado, kiuj ŝajnas definitive forlasindaj. Certe oni devas labori por eltrovi kaj organizi esperantistojn, kiuj pretas labori en tiu kampo, sed mi kredas ke IFEF kapablas.*

*Do, ek la nova kaj pli forta kaj pli varia IFEF!*

*Sukceson al via kongreso!*

**Renato Corsetti**

# Salutvortoj de la IFEF-prezidanto

***Estimataj Gastoj!***
***Bravaj Organizantoj!***
***Karaj Kongresanoj!***
***Samideanoj kaj Kolegoj!***

*Ĝoje mi bonvenigas vin al la IFEF-Kongreso de la jaro 2003. Jam la kvinan fojon Germanio gastigas nian plej gravan manifestacion. Post la kongresoj en Lindau (1952) Fulda (1967), Regensburg (1981) kaj Münster (1992), ĉiuj okazintaj en la eks-okcidenta teritorio,ĉi-jare la unuan fojon en la eks-orienta parto, estas la vico de la bela regiono Saksio en la koro de Eŭropo, kiu travivas vastajn ekonomiajn kaj sociajn ŝanĝojn. Multaj naturaj lokoj kaj urboj estas nepre vizitindaj kaj vizitendaj kaj la gastamaj loĝantoj certe sentigos nin bone kaj ni ĝuos la pejzaĝojn kaj la kulturajn eventojn. Dum la venontaj tagoj certe eblos esplori multajn trezorojn de nia kongresa riverhavena urbo Dresdeno, komerca kaj industria centro kun riĉaj artaj konstruaĵoj, monumentoj kaj muzeoj. La abundaj historiaĵoj kaj modernaĵoj de tiu ĉi urbo, tre floranta en la XVII-a jc., fidele rekonstruita post la teruraj detruoj fine de la 2-a mondmilito, certe montros multajn fascinaĵojn al la vizitantoj. La hotelo-kongresejo, la gastigaj loĝejoj kaj bonaj restoracioj kontentigas ĉiajn postulojn.*



*La kunsidoj de la Komitato kaj de la Komisiono kun la fakaj aranĝoj tre gravas, ĉar ili signas la progreson de nia organizita agado, montras niajn laborkapablon, adaptiĝon kaj kontribuon al la rapide evoluanta fervoja tekniko.*

*Do, ni devas per tio, maksimume kunlabori kaj samtempe profiti la okazon. Sed la fervojistaj kongresoj estas ankaŭ forumoj malfermitaj al ĉiuj, kiujn ni utiligas kaj eĉ pli multe ni devas utiligi por demokrate esprimi niajn ideojn kaj interŝanĝi opiniojn je internacia nivelo kaj maniero.*

*Vi ja scias, ke pri niaj manifestacioj mi ĉiam pli preferas substreki la homajn rilatojn, konsciante ke ili estas gravaj kaj ne anstataŭeblaj elementoj de nia tipa internacia vivo, en kiu la diverstipaj personecoj povas trovi abundajn kontentigojn.*

*Oni ne forgesu, ke la esenca kondiĉo por ke ĉio povu bone efektiviĝi kaj funkcii estas ankoraŭfoje la bona uzado de komuna lingvo, kiu ebligas al homoj el la plej malproksimaj landoj kaj malsimilaj kulturoj kunligiĝi je ĉiu ajn nivelo.*

*Ni fervojistoj-esperantistoj jam brile spertis kaj pruvis tion, ĉefe dum la pasintaj 54 kongresoj, danke al ideala kaj samtempe tre praktika mirinda rimedo kia estas Esperanto. Sen multe kostaj tradukaj aparatoj, sen interpretadoj, ni montras la plej bonan manieron internaci-skale komuniki.*

*Mi volonte dankeme reliefigas, ke Esperanta Fervojista Asocio rolis tre grave por nia movado en Germanio jam frue en la pasinta jarcento, en la jaroj antaŭ kaj post la unua mondmilito, ĝis la teruraj tempoj de la naci-*

*ista reĝimo, kiam ĉiuj Esperanto-aktivecoj estis tute neniigitaj. Tamen, tuj depost la jaro 1947, ĉefe danke al kolegoj Karl Hell, Ernst Schuchmann kaj Heinrich Pape, rekomenciĝis fervojista esperantista movado, kiu baldaŭ aliĝis al IFEF kaj jam en 1952 kapablis organizi kongreson.*

*GEFA ĉiam entreprenis gravajn iniciatojn, per kiuj IFEF multe pli bone progresis, ĉiam donis multajn membrojn kaj elstarajn figurojn, kiel Gernot Ritterspach, tre sperta en la terminara kaj eldona agadoj; Joachim Giessner, longtempa Prezidanto de IFEF, nesuperebla multfaceta kaj senlace laboranta gvidanto; Willi Brandenburg, aktiva en la fakprelega agado; Willi Barnickel, agema en faka laboro; Heinz Dieter Hartig, iniciatinto kaj redaktoro de "Terminara Kuriero ", Elfriede Kruse kaj Otto Rösemann, plurjaraj IFEF-sekretarioj.*

*Eble nun la kontaktoj kun la Germanaj Ŝtat-Fervojoj (DB), kiuj ankaŭ travivas radikalajn transformojn, ne povas esti kiel en la favoraj tempoj, sed certe BSW, la landa sekcio de FISAIC, ekde la frua aliĝo en 1949, probable rigardas al la esperantista fako, kiu rolis tre grave kaj esence por la fondo kaj la daŭrigo de la internacia kultura agado inter fervojistoj. Ni kore dankas pro tio.*

*La nuntempajn aktivulojn oni ne bezonas nomi; vi ĉiuj konas ilin, kaj la nunaj LKK-anoj, sub la gvidado de la LKK-prezidanto Rolf Terjung, estas homoj spertaj; lerte ili planis kaj dum la semajno ili efektivigos tre ampleksan, fakan, kulturan kaj turisman programon.*

*Nome de nia Federacio mi kore dankas la germanajn geamikojn pro la alpreno de tiel grava kaj laboriga tasko, ke ĝi invitis nian kongreson al Dresdeno. Mi estas tute konvinkita ke la kongresanoj ĝuos belegajn tagojn en Germanio.*

*En niaj kongresoj kunvenas pacemaj homoj, sed oni devas konstati ke, bedaŭrinde, ankoraŭ en tro multaj lokoj de la mondo okazas teruraj militoj. Ni estas konvinkitaj, ke la profundaj valoroj de esperantismo estas kapablaj doni modelan ekzemplon por interkompreniĝo, toleremo kaj bona kunvivado.*

*Ni fervojistaj esperantistoj estas pacemaj homoj („Ne al glavo sangon soifanta...“), kiuj batalas por aplikado de paciga interkomunika rimedo, utila kaj uzebla por superi ĉiujn barojn kaj atingi la plej altajn homajn celojn. Spite al ĉio ni devas persiste daŭrigi en nia agado, esperante, kuraĝe kaj tre firme, kontraŭ ĉiuj nekomprenoj kaj malfacilaĵoj.*

*Ni certas, kiel d-ro Zamenhof certis, ke iam la homoj konvinkiĝos adopti pli bonajn manierojn por interrilati, kunvivi pace kaj frate. Ni daŭre devas strebi al tio organizante kunvenojn, naciajn kaj internaciajn kongresojn, sociajn kaj homajn rilatojn.*

*Dum la diversaj kunsidoj kaj dum la fakaj kaj distraj programeroj, ni devas doni kaj ricevi la maksimuman kunlaboron kaj samtempe profiti por kreski lingve kaj home. Ni vivu tiel la venontajn tagojn, kaj ni estu kiel eble plej malfermaj al aliaj vidpunktoj kaj ideoj, tolereme kaj danke.*

*En tiu ĉi spirito mi deziras ke en Dresdeno ĉio estu plensukcesa kaj ke ĉiu realigu siajn dezirojn.*

*Per tiuj ĉi vortoj mi deklaras malfermita la 55-an Kongreson de IFEF. (Iom mallongigita)*

**Romano Bolognesi**
**IFEF-Prezidanto**

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 2002



Surbaze de la demandilo, la landaj asocioj preparis sian jarraporton pri la jaro 2002. Bedaŭrinde, la resuma jarraporto ne estas kompleta, ja ne alvenis tiu de Pollando, Slovakio kaj Svedio. Ankaŭ ne alvenis tiu el Estonio, sed tie mortis la prezidanto, kaj - laŭ mia scio - ĉesis la landa asocio.

El tiuj landoj mi kalkulis nur kun Slovakio laŭ la indikoj de la jaro 2001. La estraro de IFEF, la Ĉeĥoj kaj Hungaroj, eĉ Norvegoj provis kontakti kun la Poloj kaj svedaj fervojistaj esperantistoj, sed bedaŭrinde vane. Ni skribis leterojn, sendis materialojn kaj revuojn (ekzemple IF-on, HFM-on ktp), sed ĉiam ili revenis el Svedio; kaj el Pollando ni ne ricevis reagon. Do kion mi povas diri: verŝajne kaj en Pollando kaj en Svedio - kiuj ekde multaj jaroj ne pagas la jarkotizon - ne funkcias la fervojista landa asocio.

Jene mi prezentas la resumon de la jarraportoj de la landaj asocioj:

1. La landaj asocioj

La asocioj raportis pri 2.916 asociaj membroj, kies nombro estas 244 malpli ol en la antaŭa jaro. Laŭ la raportoj IFEF nombras 907 membrojn. Tiu membronombro preskaŭ egalas la ciferon de IFEF-kasisto, ĉar mi enkalkulis 20 bulgarajn, 20 jugoslavajn kaj 10 slovenajn IFEF-membrojn. Tamen se ni ekzamenas la ciferojn, ni povas konstati, ke la membronombro de IFEF jaron post jaro malkreskas. Ekzemple, en jaro 2000 ni havis 1067, en jaro 2001 la membronombro estis 992, kaj en jaro 2002 jam nur 907 membroj. En la fino de la naŭdekaj jaroj ni ankoraŭ havis pli ol 1200 membrojn. Do, kion fari? En la raportoj rolas 1.680 emeritoj el la plena asocia membraro, kio signifas 55 %-jn. La nombro de la grupoj estas 98. El la tuta membraro 340 membroj (12 %-j) estas nefervojistoj.

Ekzamenante la ciferojn oni povas konstati, ke la membronombro de la fervojistaj esperantistoj de jaro al jaro malkreskas, ĉesas landaj asocioj, kaj la futuro ŝajnas malhela. Tamen estas bona afero, ke en Ĉinio inter 206 membroj nur 55 (20 %-j), en Hungario inter 460 membroj nur 90 (20 %-j), en Rumanio inter 343 membroj nur 65 (ankau 20 %-j) estas emeritoj. En Hispanio kaj en Japanio bedaŭrinde 100 %-oj, en Germanio 92 %-oj estas la proporcio de la emeritoj.

2. La taskoj de la Landaj Asocioj kaj ĝiaj lokaj societoj

La plejparto de la landaj asocioj laboras laŭ laborplano. Pluraj plendas pri la manko de la bezonataj aktivaj kunlaborantoj, same pri la maljuniĝo de la membraro, pri la manko de pli juna generacio.

Dek-kvar landoj raportas pri lingvo-instruado, iliaj metodoj varias inter tradicia, perletera, konversacia eĉ interreta. Slovenio plendas pri la manko de kapabla instruisto, kaj bedaŭrinde ankaŭ Rumanio havas saman malfacilaĵon. Belgio dubas pri la uzado de Esperanto en la kadro de FISAIC, ĉar en FISAIC-kunvenoj pli kaj pli estas uzata la angla lingvo kiel tria laborlingvo ne nur flanke de la angloj, sed ankaŭ en la skandinaviaj kaj eks-socialismaj landoj.

Dek-unu landaj asocioj konservas sian historian materialon kaj kontinue kompletigas ĝin. Pluraj landaj asocioj plendas, ke la privatigo de la fervojo malfortigas la membraran bazon. Dek-unu landaj asocioj daŭre informas pri Esperanto kaj IFEF en la medio de la fervojo.

3. Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj

Dek-tri landaj asocioj raportas bonan interrilaton kun instancoj kaj autoritatoj. Ĉeĥa, hispana kaj hungara landaj asocioj senpage ricevas specialan ejon de fervojo por klubkunvenoj, kursoj. Rumanio ricevas bileton por oficialaj eksterlandaj veturoj de estraranoj. En Hungario la klarigoj de fervoja horaro denove aperis en Esperanto, sed bedaŭrinde en la nuna jaro jam refoje malaperis la klariga teksto en Esperanto; sed en Hungario kontinue aperas la klariga teksto de telefonlibro en Esperanto.

Naŭ landaj asocioj kontaktas kun sindikatoj, eĉ Ĉinio, Germanio, Kroatio, Rumanio kaj Svisio ricevis pli-malpli helpon de ili.

Hispanio kaj Slovenio ne havas kontakton kun landa organizo de FISAIC, eĉ en Japanio kaj Ĉinio ne estas landa FISAIC-organizo. Belgio, Ĉeĥio, Danio, Francio, Germanio, Hungario kaj Rumanio raportas pri tre bonaj kontaktoj kun FISAIC. Naŭ landaj asocioj ricevas financan subtenon; dek-unu landoj sendas raportojn aŭ informojn al ili. Sep landaj asocioj raportas pri ofico ĉe FISAIC.

Dek-tri landaj asocioj havas aktivajn kontaktojn de libertempaj, kulturflegantaj, artaj, sportaj kaj religiaj organizoj. Aŭstrio raportas pri bona kontakto kun la Internacia Esperanto Muzeo en Vieno, Francio kaj Hungario kun poŝtistoj kaj radioamatoroj. Eĉ Hungario havas kunlaboran kontrakton kun la medicinistoj kaj pacmovadistoj, Rumanio kun ĵurnalista organizo.

Nur en Rumanio kaj Jugoslavio aperas regule la klarigteksto de fervoja horarlibro en Esperanto, se mi ne kalkulas Hungarion.

4. Organizado de jarkunvenoj

Nur en Ĉinio ne okazis jarkunsido en la jaro 2002. La partoprenantoj varias. Ok landoj raportas pri eksterlandaj gastoj. En dek-unu landoj okazis fakprelegoj, krome naŭ landoj samtempe organizis ankaŭ distrajn kaj ekskursajn programojn eĉ eksterlanden, ekzemple Francio al Hispanio kaj Hungario al Jugoslavio.

En la jaro 2003 nur en Aŭstrio ne okazos jarkunveno. Tiuj indikoj montras al ni, ke la membroj de la landaj asocioj deziras la komunajn programojn kaj la Esperanto-estoson.

5. Organizado de komunaj aranĝoj kun aliaj asocioj

Aŭstrio, Ĉeĥio, Cinio, Danio, Francio, Italio, Hispanio, Kroatio, Norvegio, Rumanio kaj Slovenio aranĝis respektive kunlaboris komunajn aranĝojn kun ceteraj asocioj. Belgoj, Bulgaroj, Germanoj, Hungaroj, Japanoj, Jugoslavoj kaj Svisoj ne aranĝis komunajn aranĝojn kun aliaj asocioj. Kelkaj landaj asocioj fiere informis pri tio, ke la fervojistoj direktis la organizadon.

6. Interrilatoj kun Esperanto-organizoj

Dek-tri landaj asocioj havas interrilatojn kun sialanda asocio de UEA. Kelkaj landoj raportas pri interrilatoj kun SAT (Sennacieca Asocio Tutmonda) kaj dek-tri landaj asocioj kun ceteraj E-organizoj: ekzemple kun "Sunda Esperanto-Asocio", KEA, KAE, UMEA, MEM, ILEI, Monda Turismo, KCE, CDLI ktp. Dek-tri landaj asocioj raportas pri

sialandaj fakdelegitoj ĉe UEA, ĝia nombro estas 56. La koncernaj landoj planas samnombrajn fakdelegitojn pri fervojo en jaro 2003.

7. Informado en la plej vasta senco

Ok landaj asocioj raportas pri tio, ke ili sendis gravajn informojn al IFEF. Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Ĉinio, Francio, Italio, Hungario, Kroatio, Norvegio, Rumanio kaj Svislando komisiis respondeculojn, kiuj provizas aktualaĵojn al la redaktoro de la organo Internacia Fervojisto. Inter ili denove kaj flue la plej diligenta estis la ĉeĥa, kiu meritas specialan laŭdon. Krome ankaŭ la Ĉinoj sendas multajn artikolojn al la redaktoro de IF.

Dek-kvin landaj asocioj informis la publikon pri E-eventoj, movadaj aktualaĵoj per diversaj artikoloj en regionaj, fervojaj revuoj, bultenoj, lokaj ĵurnaloj, faldfolioj, murgazetoj, montrofenestroj.

Ses landaj asocioj rakontas pri aranĝo de ekspozicioj, inter ili Francio aranĝis 10 kaj plurmiloj vizitis ilin. Iliaj temoj varie estis la movada historio kaj vivo, iliaj rezultoj.

Aŭstrio en sindikata gazeto, Belgio en la revuo "Le Rail", Bulgario en la gazeto "Fervojisto", Ĉinio en la gazeto "La Mondo", Danio en periodaĵo de la "Libertempa Organizo", Francio en semajna fervojista revuo "La Vie du Rail", Germanio en la ĵurnalo de "Fervoja Sociala Unuiĝo", Hispanio en la cirkulero "Libera Trako", Hungario en regionaj gazetoj, Kroatio en la fervoja gazeto "Železničar", Norvegio en fakaj revuoj kaj en ordinaraj tag-gazetoj, Rumanio en la landaj revuoj kaj lokaj gazetoj, Slovenio en loka ĵurnalo, Svisio en du sindikataj gazetoj aperigis ĉefe fakajn kaj movadajn artikolojn kaj sciigojn. Jen, tiuj faktoj pruvas, ke la landaj asocioj multe kaj larĝskale informas la "eksteran" publikon pri Esperanto, pri movada vivo kaj aliaj eventoj, tamen iliaj rezultoj ne aperas en la evoluo de nia movado.

Naŭ landaj asocioj raportas pri faritaj fakprelegoj, inter ili Hungario elstaras per siaj 17 fakaj artikoloj en sia revuo HFM, respektive per fakprelegetoj en diversaj klubkunvenoj. La Radio Aŭstria Intercia kelkfoje okazigis prelegojn, respektive intervjuojn, sed bedaŭrinde ekde la 1-a de januaro en 2003 ne plu ekzistas tie E-elsendoj. Francio informas, ke ĉiusemajne estas aŭskultebla elsendo pri Esperanto en la radio de la pariza regiono. Belgio raportas pri la evento, ke en marto la belga televida stabo de RTL/TV-1 akompanis 7 belgajn partoprenantojn al la Ĝenerala Jarkunveno de FFEA en Port Vendres (Francio), kaj la filma raportaĵo estis prezentita dufoje en vespera programo ĉirkaŭ unu kaj duona horo en aprilo kaj julio. En Ĉinio oni raportis pri fakaj temoj en "Ĉina Radio Internacia". En Germanio en "Radio Bremen", en Hispanio en "Radio Badalona" kaj "Onda Radio de Barcelona", en Hungario en "Radio Győr" forsonis E-elsendo pri la fervojista E-movado kaj aliaj E-eventoj.

8. Varbado

Kvar landaj asocioj sukcesis varbi 15 novajn membrojn, sed tiu ĉi nombro ne egaligas la - pro forpaso kaj eksiĝo - perditajn membrojn.

Pluraj landoj plendas pro la inflacio, la mondo fariĝis profitema, kaj nelaste malhelpas la plifortiĝo kaj disvastiĝo de la angla lingvo. Eble en la nordiaj landoj preskaŭ ĉiuj novaj fervojistoj regas la anglan lingvon, kaj ili verŝajne opinias, ke tio sufiĉas por krei kontakton kun eksterlandanoj.

En dek-kvar landoj okazis memstare aranĝitaj 30 lingvokursoj kun 400 kursanoj. Tiu indiko montras, ke la fervojistaj esperantistoj volas pli bone paroli la lingvon, ĉefe en Hungario, kie 107 esperantistoj - ĉefe gejunuloj - studis ĝin en la jaro 2002.

Cele al trovi adeptojn, kvar landaj asocioj aranĝis internacian fervojistan E-renkontiĝon. En la jaro 2003 kvin landoj planas varbocele organizi E-renkontiĝojn. Dek-unu landaj asocioj planas aranĝi entute 20 kursojn kun 250 kursanoj, sed kelkaj ne indikis la planitan nombron de la lernantoj.

9. Junulara agado

Sep landoj raportas pri 145 junaj membroj (ĝis 30 jaraĝo). Tiu cifero montras malkreskon je 57 kompare kun la antaŭa jaro. Memstara junulara grupo bedaŭrinde ne ekzistas. En la pasinta jaro mi rakontis pri 3 memstaraj grupoj (du en Ĉinio kaj unu en Rumanio), sed tiu indiko verŝajne estis falsa.

Pluraj landaj asocioj strebas akiri junajn membrojn, sed kiel oni priskribas, tio estas "senespera afero". Mi estas scivolema: al kiuj ni transdonos la stafet-bastoneton?

10. Landaj organoj

Dek-tri landaj asocioj eldonas propran organon, la nombro de tiuj varias inter unu kaj dekdu. La nombro de la paĝoj en unu jaro estas 580. Laŭlande ĝi varias inter kvin kaj cent paĝoj. Belgio, Bulgario, Danio kaj Hungario eldonas ĝin pure en Esperanto, Aŭstrio, Ĉinio, Francio, Germanio, Hispanio, Italio, Norvegio Rumanio kaj Svisio eldonas dulingve. Sep landaj asocioj havas spacon ĉe aliaj organoj.

En la jaro 2003 la samaj landoj planas eldoni parte samnombrajn paĝojn, kvin landaj asocioj sur pli da paĝoj, kelkaj sur malpli da paĝoj ol en 2002.

11. Terminara kaj traduka laboro

La Terminara Sekcio de IFEF daŭrigis la laboron, plenumis kaj solvis la taskojn, pri kio per sia cirkulero - nomita Terminara kuriero [TeKu] - detale informas. Ĉeĥio per tri fakuloj kunlaboras, Danio kaj Germanio raportas pri la efektivigo de la taskoj, Hungario rimarkas, ke helpe de S-ro Szekeres, ili plenumis la taskojn. Pro la manko da kunlaborantoj stagnas la laboro en Belgio kaj Slovenio. Mi devas rimarki, ke finfine aperis la 3-a CD-ROM, pro tio la terminara laboro momente ne bezonas streĉan laboron, sed mi proponas daŭrigi la laboron en la sekvaj temoj:

- flue ekzameni la pretigitajn esprimojn, kaj se estas bezonate, korekti aŭ modifi tiujn, serĉi novajn esprimojn,
- traduki la klarigajn tekstojn de la esprimoj (do la difinojn), tio, kion UIC pretigis kaj trandonas al ni.

12. Ekonomio

La ekonomia situacio ĝenerale similas al tiu de la antaŭjara. En pluraj landoj la financa stato estas stabila, ekvilibra, pluraj ricevas subtenon de la landa FISAIC-organizaĵo, de la landa fervojista sindikato, kaj de la landa fervojo. Kelkaj plendas pro la manko de financa subteno.

13. Diversaĵoj

Mi citas kelkajn opiniojn jene:

- Aŭstrio: "La ŝtata ordono ÖBB devas ŝpari kaj merkatigi ĉiun posedaĵon, pro tio nia organizo devos pagi por uzi iun ajn, ekzemple sekretariejon, klubejojn, energion ktp."
- Ĉeĥio: "Dank'al la subteno de landa asocio de FISAIC ni iniciatis kaj partoprenis - ankaŭ aktivadojn nekunligitajn kun la fervojo - dum la

inaŭguro de la memorŝtono kaj arbo en la Parko de la Mondo en la pola urbo Malbork."

- Ĉinio: "En 2002 mi eldonis la manlibron de fervoja terminaro en ĉina kaj angla lingvoj, kaj nun sekvas la tria lingvo E."
- Italio: "Dum la jaro 2002 okazis multaj pri- kaj por-esperantaj manifestacioj, en kiuj IFEA-anoj vigle agadis, organizis aŭ kunlaboris."
- Hungario: "La ĝenerala ekonomia stato de la lando iom pliboniĝis, sed tamen estas malfacile varbi novajn membrojn, ĉefe gejunulojn."
- Slovenio: "En nia lando regas iu stranga situacio, ĉar aperas privataj firmaoj, kiuj uzas E-n kiel unu el la laborlingvoj, sed ili ne donas helpon kaj ili estas ĵaluzaj."

14. Fina komentario

Legante la jarraportojn, parolante kun enlandaj kaj eksterlandaj fervojistaj esperantistoj kaj kun la estraranoj de IFEF, partoprenante en Esperanto-kongresoj, konferencoj, renkontiĝoj, mi faris konkludojn jenajn:

- en kelkaj landoj haltis la maljuniĝo de la E-movado, sed en pluraj landoj rapide la movado maljuniĝas;
- flue malkreskas la membronombro de la fervojistaj esperantistoj, kaj la membronombro de IFEF;
- ĝenerale mankas la junuloj en la movada laboro, eĉ jam ne ekzistas memstara junulara grupo en la kadro de la landaj asocioj;
- en pluraj landoj la politika klimato ne favoras al E-movada agado, pro tio la ĉefa zorgo estas vivteni la asocion;
- en kelkaj landoj stagnas la movada laboro, mankas kapablaj gvidantoj, eĉ mankas tiuj pli junaj membroj, kiuj transprenus la gvidan taskon;
- la tendenco estas preferi la anglan lingvon en la amas-medioj. La angla enpenetras, eĉ ankaŭ en la kadron de FISAIC, do oni tre malfacile povas konvinki homojn pri la neceso de Esperanto;
- en la okdekaj kaj naŭdekaj jaroj pli ol 400 - 500 fervojistaj esperantistoj partoprenis en la IFEF-Kongresoj, nuntempe nur 200 - 250 personoj, do maksimume la duono de la pli frua tempo;
- la fervojistaj esperantistoj plenumis la taskojn por finpretigi la fervojan terminaron, denove traduki la fervojajn esprimojn por PIV, jam aperis la 11-a volumo de la serio „ Fervojfakaj Kajeroj", aperis la korektita IFEF-historio, regule aperas nia faka revuo kaj preskaŭ en ĉiu lando aperas faka organo ktp.

Do, mi povus vicigi la negativajn kaj pozitivajn faktojn kaj spertojn, sed tamen mi povas konstati, ke malgraŭ la problemoj kaj negativaj situacioj nia Federacio ankoraŭ vivas, laboras kaj montras, ke la fervojista E-movado ankoraŭ restas forta kaj vivoplena.

Budapeŝto, la 8-an de majo 2003.

*István Gulyás*
*vicprezidanto de IFEF*

# Bonvenon en la fervoja stacio "Champs Elysées" en Parizo

"Champs Élysées ! ĉiuj eltrejniĝas" povis anonci dum unu monato la fervojistoj al la vizitantoj.

Ĉu vere trajnoj staris eĉ veturis sur la granda avenuo "Champs Elysées" en Parizo? Jes tio eblis plagiatante la SNCF-an devizon "Ĉe SNCF, ĉio eblas !".

Dum unu monato la plej bela avenuo de la mondo iĝis grandega fervoja stacio kun du ĉefaj lokoj: estinteco kaj estonteco.

*La 1-an de junio, eblis veturi trajne sur la avenuo "Champs Elysées"*

Fakte kadre de la ekspozicio **"le train capitale"** de la 17-a de majo ĝis la 15-a de junio, SNCF kun diversaj partneroj prezentis al la publiko multajn lokomotivojn kaj pasaĝer - var - veturilojn.



Fotis Rose Sanz

Sur speciala fervojlinio longa je 570 metroj, speciale muntita tiu-cirkonstance sur la piedirejo inter la placo "La Concorde" kaj la avenuo "Marigny", oni prezentis tri dek lokomotivojn kaj vagonojn rememorantajn 150 jarojn da franca fervoja historio. Ĉirkaŭ 5 milionoj da vizitantoj esploris tiun, laŭnatur-grandece, elmontradon. Ĉefa punkto okazis la 1-an de junio, kiam la vizitantoj povis entrajniĝi en vera trajno cirkulanta sur la ŝoseo mem post muntado de portempa fervojlinio. Tiu fervojlinio estis muntita dum la antaŭa nokto kaj malmuntita la venontan nokton de la trajncirkulado.

La vizitantoj povis malkovri malnovajn vapor-lokomotivojn, kiel la "Buddicom" konstruitan en 1844 kaj speciale pruntedonitan de la fervoja muzeo en Mulhouse.

Sed eblis ankaŭ vidi la plej novajn materialojn, kiel la trajnon "Train-tram" (trajno-tramo), la novan generacion de la tramoj expluatotaj en 2005, aŭ la novdekoraciitajn trajnojn "Corail".

Tiu escepta operacio **"train capitale"** mobilizis SNCF-on sed ankaŭ la konstruistojn kiel Alstom, Bombardier kaj Siemens.

Jean Ripoche



Raporto de la kasisto por la jaro 2002:
**Ĝustigo**
En paĝo de IF 2003.2, en la dekstra tabelo "Membro stato", bonvolu modifi jene:
- linio "Danio": por 2002 60 (kaj ne 43),
- linio "Hispanio": por 2001 15,
- linio "Slovakio" : por 2001 20.

La kasisto pardonpetas por tiuj fuŝaĵoj.

INTERNACIA FERVOJISTO
55-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro: Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39**
**Retadreso:**
**Jeanripoche@wanadoo.fr**



**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**

ISSN 1397-4270

VIG 2003.020



## Edzeco de Rolf Terjung kaj de Elena Mateeva

***Kara Elena, kara Rolf,***

*Kiel ĉe du reloj, kiuj longege destinis la vivovojon de vi ambaŭ, ankaŭ ĉe vi ja multo okazis paralele:*
*Via profesio estis rezidanta ĉe la fervojo.*
*Industria urbo estis kaj estos via hejmstacio.*
*Vi ambaŭ perdis viajn gepartnerojn.*
*Sed dank' al dio vi retenis viajn infanojn.*
*Tiuj-ĉi donacis al vi eĉ ankoraŭ kelkajn nepojn.*
*Via plej amata hobio estas la Internacia Lingvo, kiu ja ankaŭ renkontigis vin. Vi ambaŭ posedas pozitivajn specifajn karakterajn trajtojn: rilate al Elena estas ŝia nerezistebla ĉarmo kaj al Rolf lia nobla humoro, por nomi respektive nur unu kiel anstataŭanto por multaj aliaj.*
*Al ambaŭ komuna estas ilia amindeco kaj sociala respondeco.*
*Tiom multaj kunecoj certas la plej taŭga traceo por longdaŭra, harmonia edzeĉo kiel finstacio, en kiu via reciproka amo ĉiam estu la bonega funkcianta lokomotivo nuntempe same kiel estonte.*

*Kara Elena kaj kara Rolf, ni deziras tutkore al vi ĉiam, ĉie kaj ĉiel bonan komunan vojaĝon en la feliĉon sen la minimuma malfruigo!*




***La "Esperanta Amikaro"***

***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: rodicatodor@xnet.ro
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)oj, kaj pri kiaj temoj ktp.*
*Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*